AŬSTRIA

# ESPERANTO-REVUO

*Oficiala organo de la aŭstria Esperanto-movado*

*Offizielles Organ der österreichischen Esperanto-Bewegung*

*Aperas monate*

*Redakcio kaj administracio: Vieno XV, Fünfhausgasse 16, Austrio. — Telefono R 33-3-64*

8-a jaro MARTO 1953 n-ro 3

## Einladung

zur 8. ordentlichen Jahreshauptversammlung des Österreichischen Esperantisten-Verbandes, welche im Rahmen des 6.Österreichischen Esperanto- Kongresses am Freitag, den 24.Juli 1953 in Klagenfurt, Kärnten, stattfindet.

### TAGESORDNUNG :

1. Eröffnung.
2. Wahl eines Mandatprüfungs-, eines Antragsprüfungs- und eines Wahlvorschlagskomitees.
3. Tätigkeitsberichte: a) Vorstand, b) Kassier, c) Redaktion, d) Esperanto-Institut, e) Landesleitungen und Delegierte, f) Fachgruppen, g) Landesvertreter: UEA, SAT, IKUE, h) Mandatsprüfungskomitee und i) Kontrolle.
4. Bericht des Wahlvorschlagskomitees.
5. Neuwahl des Verbandsvorstandes.
6. Bericht des Antragsprüfungskomitees. Beschlußfassung über satzungsgemäß eingebrachte Anträge.
7. Festsetzung des Jahres-Mitgliedsbeitrages.
8. Referat über die nächste Tätigkeit des Verbandes
9. Allfälliges - Schlußwort.

Laut § 16, Punkt 11, der Statuten müssen alle Anträge zur Hauptversammlung schriftlich begründet spätestens 6 Wochen, solche auf Abänderung der Statuten 8 Wochen vor Abhaltung derselben beim Verbandsvorstand eingebracht werden.

Raimund C e c h
Geschäftsführender Obmann

Dr. Hans F r e n z e l
Präsident des Verbandes

Alfred B e r d a n
Schriftführer.

Proponoj kaj delegitoj. La land-kaj grupestraroj de AEF estas petataj, senprokraste fari siajn decidojn pri proponoj al la general-kunveno kaj sendi ilin tuj al la E-Centro. Precipe bezonataj estas konkretaj (kaj realigeblaj) proponoj pri la Aŭstria E-Revuo. La delegitoj alportu subskribitajn rajtigilojn por la baloto. Iliaj adresoj estu sendataj laueble frue al la E-Centro. La estraroj bv. verki la raportojn tre koncizaj, por la leg - dauro de maksimume 10 minutoj.

Dum la februara kunsido la estraro de AEF decidis, proponi al la general-kunveno, ke ĝi decidu, alvoki la membraron de nia federacio por kolektiva aliĝo al UEA ; AEF, konservante tiamaniere la internaciecon de niaj ag - adoj, povus delegi reprezentanton al la Univ.Kongresoj, kaj havus rajton pri kundecido. La membroj de AEF, kiuj ne jam estas membroj individuaj de UEA, devus pagi jaran kotizon de S 1.50.

Pri fakkunvenoj faru viajn indikojn rekte al la LKK per adr. de s-ro Karl Dürrschmid, Klagenfurt, Sternalle 5.

## INFORMOJ DE LA ESPERANTO-CENTRO

Ni havas la agrablan taskon, povi informi la AEF-anaron, ke nia estimata vicprezidanto s-ano d-ro Leopold G r i m m e antaŭ nelonge fariĝis S e n a t s r a t - (senata konsilisto). Ni estas certaj, ke nia tuta Esperanto-amikaro aliĝos al nia ĝojo kaj kun ni gratulas al li el tuta koro ! LA ESTRARO DE AEF.

## 6a AŬSTRIA ESPERANTO-KONGRESO

Klagenfurt, 22.-24.7.53; adreso: Klagenfurt, Postf. 205; pagojn: direktu al Kärntner Sparkassa, Klagenfurt, Giro Kto.2312, resp. al Postsparkassen-Kto. 30.434. -

La loka komitato sukcese daŭrigas la preparlaborojn. La L.K.K. de la 38a Univ. Kongreso de E. en Zagreb rekonis nian kongreson kiel "antaŭkongreson" kaj atentigas la UK-anojn pri nia Internacia Esperantista Renkonto dum nia 6a AEKongreso. La Protektoran Komitaton konsentis parto - preni d-ro Josef Köstner, episkopo de Gurk-Klagenfurt, s - ro Ferdinand Wedenig, landestro de Karintio, kaj s-ro Pe - ter Graf, urbestro de Klagenfurt. La estraro de la kon - gresurbo konsentis la 28.1.53 pri subvencio al la loka komitato . La

delikatajn novelojn. Ĉar s-ano Kraus disponigis sian gitaron al la kluboj, ekde nun la vespera programo enhavas ĉiam gajan kantadon. Por kunigi la ges-anojn foje en ekster - ordinara, t. e. "malseketa-gaja" aranĝo, la 7.3. oni 14 ope renkontis sin "sen programo" sed tamen kun humoraj prelegoj kaj rakontoj kaj kantado en apud-vinbereja nordokcidento de Vieno. La vespero sukcesis kaj kontribuis al la pliintensigo de la amikaj rilatoj inter niaj gefideluoj.

Alvoko de s-ano Hermann Schalk. Sciante, ke nia presejeto en la E-Centro prezentas por ni la plej malmulte kostan eblecon, produkti flugfoliojn ktp., mi proponas, eluzi ĝin pli multe ol ĝis nun. Ni fiksu unu tagon dum la semajno , je kiu du aŭ tri ges-anoj alvenu por kunlabori en nia presejo. La preferindaj tagoj estas lundo vespere kaj sabato posttagmeze. Kiu estas preta, tiu bv. sin anonci en la E-Centro.

H. Sch.

NEKROLOGO: Forpasis la 25.2.53, 79 jara, nia kara s-anino Franziska C e c h , membro de la E-Societo "Danubio " , patrino de nia estimata vicprez. de AEF Raimund Cech. Al ŝi nian dankan memoron kaj al geedzoj Cech nian koran kondolencon.

LA ESTRARO DE AEF.

Burgenlando: Laŭ raporto de AEF-landestro Hans Bauer okazis en Tschurndorf la 25.1. varbkunveno, kiu havis kiel temon "La lingva ĥaoso kaj ĝia solvo - faktoj - kaj postuloj". Sekvis kurso, kiun gvidas s-ano Josef Salwetter. - La Burgenlanda Popolkleriga Instituto invitis s-ron ĉefinstruiston Hans Bauer por paroli pri "Esperanto,ĝiaj valoro". La parolado okazis la 2.2. en la hejmo de la instituto. Disdono de "E-Nachrichten", vendo de lernlibroj. - La "Hauptschule Eisenstadt" sendis lastjare 34 infandesegnojn al Gvatemalo por "Mondekspozicio de infanaj desegnaĵoj",aranĝita de la instruministerio de Gvatemalo. La infanoj,kies folioj estis elektataj,ricevos diplomojn, subskribitajn de la ministro mem. La tuta korespondo okazis en Esperanto. La sama lernejo nun partoprenas konkurson pri popolkantoj, aranĝitan de la sama instanco en Gvatemalo. La popolkantojn tradukis s-ano Bauer.- La redakcio disponas pri ekzemplero de la 4 paĝa, decembra n-ro de "Esperanto-Nachrichten", eldonita de Burgenländischer E-Bund, kiu en vigla, interesa maniero prezentas germanlingve valorajn faktojn el la E- movado kun

la celo, atentigi pri nia lingvo en la neesperantista publiko. Gratulon al la amikoj, kiuj per tiu eldonado montras komprenon pri tio, kio vere estas bezonata por nia agado en la nuna tempo ! La. red.

SUPRA AŬSTRIO: Linz: La 12.2. aranĝis la E-Societo "ESTONTO" kaj la "E-VOJAĜKLUBO" komunan jarkunvenon. Ĉefa temo krom la raportoj estis decido pri kunfandiĝo de ambaŭ fervojaj Linz-aj E-organizoj. La 15.2. okazis la jarkunveno de la supra-aŭstria AEF-landestraro, prezidita de la AEF-landestro, s-ano Nigl. Al la seriozaj aferoj aliĝis vespere "Karnavala Tumulto" kun amuza programo.

STIRIO: La 30.1. okazis la plenkunveno de E-Societo "UNUECO", Graz. Post enkondukaj vortoj de estro Eder pri la lastjara, kontentiga agado sekvis novelekto de la estraro por 4 jaroj. Ĝi rezultigis, ke estriĝis denove s-ano Josef Eder, vicestro iĝis d-ro Willi Flick, kasistino s-ino Helene Minauf. Al la cetera estraro partoprenas la jenaj ges-anoj:prof. Hainschegg, Leopoldine Heilinger,d-ro Meister, Mesaritsch, Anton Minauf, inĝ. Peter, Pöhacher, Rath, P.Anton Schmidt. - Al la senĉesaj klopodoj de estro Eder ni dankas la financan resaniĝon kaj viglan societan vivon. La bonege aranĝitaj kunvenoj kun prelegoj kaj paroladoj, societaj ludoj, prezentataj anekdotoj kaj ŝercoj plezurigas eĉ plej seriozajn individuojn. Ge-Rath -oj.

Knittelfeld: La 14.12. "VERDA STELO" aranĝis Zamenhoffeston. Samtempe estis festata la 70a naskiĝ-tago de la societestro s-ano Thomas Zuber.Bela serioza kaj amuza programo kaj parolado kun projekciado de lumbildoj sukcesigis la aranĝon.

NEKROLOGO: En januaro 1953 forlasis nin s-ano d-ro B i e h l e r, kiu dum multaj jaroj kunlaboris en la stiria E-societo kiel sekretario. Honoron al lia memoro. Al liaj parencoj ni sincere kondolencas. LA ESTRARO DE AEF.

SALZBURG: Salzburg-a AEF-landestraro en sia raporto de l' 22.2.53 al AER komunikas, ke kiel dum la vintra semestro la popola altlernejo de Salzburg aranĝis E-kurson ("koordinitaj kursoj"), tiel ankaŭ dum la somera semestro ĝi ebligis kurson, kiun kiel ripetkurson gvidas s-ano Kaps. Laŭ lasta informo estas 10 gelernantoj. - En Borroäum

okaj gazetoj "Volkszeitung" kaj "Neue Zeit" raportis pri a decido. S-ro landestro de Karintio promesis plian subvencion. - Gesamideanoj ! Subtenu la lokan komitaton per ia tuja aliĝo,uzante la aliĝilon,aldonitan al AER II/53! nstigu viajn en- kaj eksterlandajn amikojn por partopreno al la kongreso kaj I.E.Renkonto!Ĉambroprezoj S 15-30.-omuna loĝejo S 4-6.-

Pri la provizora programo de la 6a AEKongreso konsultu AER I/53, p.2.

La Esperanta Akademio proponis la akcepton de la s-oj d-roj Halbedl kaj prof. Sirk kiel aŭstriajn membrojn de la akademio. - Esperanto ĉe Radio-Vieno. Ekde lundo,la 3.4.53, la konstantaj ĉiusemajnaj informaj disaŭdigoj je 22.35 - 22.40 h okazos lunde, do ne plu merkrede (Sender I) La 20-minutaj disradiadoj kiel kutime funkcias ĉiun duan mardon, de 16-16.20 h per Radio Vieno II.-17.III., 31.III. ktp.

La helpo al Nederlando. La estraro en n-ro II/53 de AER vokis la aŭstrian Esperantistaron, kolekti monon por la nederlandaj ges-anoj, suferantaj pro la marinundo.La sumo, deponita tiucele en la E-Centro altiĝis ĝis 4.3.53 .. je S 1.444.---. Kontribuis: la ges-anoj Ullrich (200),Ciperra, Schilling, Hütter-Herlinger,E-Muzeo, Hoschtalek, d-ro Dvorak (po 50), Pajtler, Kaftan, Frey (kune 160), Ruedl (40), Hofrat Steiner Cech (20), Peter, Berdan, d-ro Grimme, Marouschek, Hartig, Müller, Roscher, Bogensberger,Hofrat d-ro Wollmann (po 10), grupo "Harmonio" (314), grupo "Konkordo" (60), "Suno" (143), Braun, Janecka, Mudrak,Richter, Kaes (po 5), Helga Vokal (7), Eichinger (50). Kolektokampanjo "Presilo": rezultigis ĝis 4.3.53 la sumon de S 355.---. Kontribuis ĝis nun ges-anoj Gasperini ( 30 ), Feichtinger, Schilling, Wehse (po 20), majoro Sinner (15) d-ro Grimme, Marouschek, Ohrenberger, Ruedl (po 10), Socialista Sekcio (200). Ni konstante daŭrigos la raportadon en AER.

38a Univ. Kongreso de Esperanto. La oficiala komuniko el Zagreb anoncas, ke fine de januaro estis aliĝintaj 708 personoj el 23 landoj. La Zagreba entrepreno "Turist" presigis prospekton, kiu enhavas ĉiujn detalojn pri prezoj, hoteloj, manĝoj kaj ekskursoj. La kongresanoj ricevos ĝin sen peto. Aliuloj povas ĝin akiri sub la adreso "Turist", Zrinjavac 18, Zagreb. -La E-Centro pro konkreta kaŭzo atentigas, ke personoj, kiuj anoncis sin

por Zagreb, por gardi la pagavantaĝon, devas ankaŭ sendi la monon al la E-Centro. -

AERevuo rekte al la membroj. Pri tiu temo "La Spegulo" 3/53 faris kelkajn proponojn. La E-Centro ĉi-rilate klarigas, ke la revuo estas ĝenerale sendata rekte al la membroj. En paketoj ĝi estas ekspedata nur al tiuj grupoj, kiuj tion aparte deziris, ĉefe pro la kaŭzo , ĉar ili deziras viziti la neregulajn frekventantojn de la grupo por okaze de la transdono de la gazeto akcepti la kotizon.

A Ŭ S T R I A   E S P E R A N T O - K R O N I K O

VIENO: Kalendaro de gravaj aranĝoj: 19.3.53: Mathilde Kindl kaj Aranka Janitzky , parolado kun projekciado de kolordiapozitivoj pri ilia vojaĝo Parizo-Lourdes-Mte Carlo- Monaco-San Remo-Ventimiglia en Volkshochschule Währing, Schopenhauerstr. 49. Kl.2c, 19 h.- 31.3.53: Max Finkenzeller, "Vintra restado en Svislando" parolado kun lumbildoj, komuna aranĝo de la Naturamika Fakgrupo kaj Viena E-Delegitaro, en 15.,Diefenbachg. 36 , 19 h. - 1.4.53: Jarkunveno de VED en la E-Centro,kun raportoj, novelektoj, proponoj por sekcesa daŭrigo de la agado, 18.30. - 18.4.53: Memorkunveno de la Vienaj gesperantistoj pri la mortotago de nia Majstro,okazos sabateAl la 18 au de Aprilo je 18.3o en Volkshochschule, IX., Galileig. 8.

Novaĵoj el la gruparo. "KONKORDO" (X., Quellenstr.125 gastejo): okazas kurso kun 8 partoprenantoj, gvidata de s-ano Illetschko. La 21.4. parolos s-ano Cech pri aŭstriaj E-poetoj. Kurs- kaj klubvespero: ĉiumarde.- "DANUBIO" (VII., Sigmundsg. 14 - gastejo), kunvenoj lunde, 19 h ; 2o.4. Stefan Zodel: "El propraj E-verkoj". - "KALLOCAJ-LABORO" (18., Schopenhauerstr.49, Kl.2c, Volkshochschule ĵaŭde, 19 h) en la ĝeneralkunveno elektis kiel unuan afergvidantan prezidanton s-anon Robert Novaĉek.Asistos lin kiel vicprez. s-ano Hugo Kraus. La estraro estis reelektata kaj s-aninoj Peschl kaj Schreiber akceptis la funkciojn kiel sekretariino resp. dua bibliotekistino. El la kasraporto oni eksciis inter alio, ke la grupoj en la jaroj 1951-52 libervole krompagis kaj donacis al la E-Centro la sumon de S 244.--. Komuna membraro je 31.XII. 52 : 29. - Je la 5.3. s-anino Jolanthe Leser donacis al ni du

(gimnazio) ekzistas floranta E-grupeto kun 13 knaboj.Ili havas belan, apartan E-ĉambron kaj radioaparaton.-La 15.3.53 la AKLE-grupo "ESTONTECO" festos sian 25an jubileon. "VERDA STELO" 11.2. en "Nigra Ĉevaleto" "Karnavalan Vesperon". - NEKROLOGO: Mortis en Salzburg dum januaro s-ano Michael L a s c h i t z ,fervora ano de la poŝtista E-fakgrupo. La kara kunbatalinto por nia afero havu la eternan pacon. Ni esprimas nian kunsenton al liaj parencoj.

LA ESTRARO DE AEF.

TIROLO: AEF-landestro Steiner informas, ke anoncis sin 90-persona, aŭtobusa karavano por vizito de Wörgl, la urbo de la unua aŭstria Zamenhof-monumento.Samloke okazos ankaŭ somere la T.E.J.O.-(junulara) Kongreso.



ESPERANTO-FREUNDE

La societ-estraro invitas ĉiujn anojn al "Ĝeneral-Kunveno", okazonta merkrede, la 22.4.,je 18 h en E-Centro.

SOCIALISTA ESPERANTISTARO

komunikas Ni devas sciigi al la socialista Esperantistaro, ke la fondkunveno de Aŭstria Socialista Ligo Esperantista (ASLE) devis esti prokrastata ĝis fine de aprilo. La gek-doj, kiuj ĝis nun anoncis sian aliĝon kaj ĉiuj aliaj interesitoj post la fondo r cevos cirkulere detalajn informojn pri kondiĉoj de aliĝo ktp.

En la kunveno la 12.2. k-do St. Zodel faris memorparoladon pri la viktimoj de la 12.februaro 1934 kaj k-do Jeitler deklamis la poemon "Prometeo".Krome estis diskutataj ŝanĝo en la statutprojekto por la fondota ASLE kaj aliaj organizaj aferoj. Grupa vizito al la Internacia E-Muzeo por la 14.3.estis decidata.

Kun granda ĝojo ni povas komuniki al nia anaro,ke laŭ nia peto la Aŭstria Sindikata Ligo donis al la unuiĝo de la

socialistaj E-istoj subvencion de S 2.000 por 1953. Ni kore dankas al Ö.G.B., ĉar ĉi tiu grava subvencio ebligas al ni, pli bone aranĝi nian organzizon kaj fari varbcelan agadon inter la laboristaro por Esperanto.

## KATOLIKA ESPERANTISTA VIVO

Kardinalo d-ro T. Innitzer, ĉefepiskopo de Vieno, eniris la Honoran Komitaton de la XXIVa INTERNACIA KONGRESO DE KATOLIKAJ ESPERANTISTOJ en Lourdes (12.-16.8.53). Lia kardinala moŝto, kiu ankaŭ estis en la Honora Komitato de la XXIIa en Romo, per tio denove pruvis sian favoron al nia afero. - Kongres-kotizo ĝis 31.3. S 56.--(familianoj la duonon). - Kardinalo Jaime de Barros Camara,ĉefepiskopo de Rio de Janeiro, akceptis en speciala aŭdienco reprezentantaron de la Brazila E-Ligo, kiu transdonis al li ekzempleron de la verko "Por iu pli bona mondo", kiu enhavas antaŭparolon de la kardinala moŝto mem. Li promesis plenan subtenon de nia movado. - Katolikaj E-verkistoj!Katholisch-Österr. Schriftsteller-Vereinigung "Winfried", Vieno X., Ferdinand Löwestr. 13, starigis Esperanto-sekcion. En-kaj eksterlandaj katolikaj E-istoj bv.skribi multnombre al tiu katolika verkista unuiĝo por dokumenti la signifon de E.

DI-SERVO de AKLE-Vieno okazos dimanĉe,la 29.3. je 15.30 h en la kapelo de Kolping-domo, 6., Gumpendorferstr. 39 (E-prediko kaj sankta beno).

## NATURAMIKA FAKGRUPO

Dum la skikonkursoj la Naturamika E-grupo oficiale partoprenis. Dum la skivalenglitoj de virinoj de la Turista Asocio " La Naturamikoj" partoprenis k-dino Sichl,kiu atingis la 2an rangon, kaj k-dino Karasek, kiu gajnis la 5an. Okaze de la ASKÖ-popolskitago nome de la E-grupo kunveturis 4 personoj en 4 "disciplinoj" kaj lokiĝis tre bone. Ni per tiuj partoprenoj sukcesis turni la atenton de vasta publiko al la ideo de Esperanto.

Eigentümer und Herausgeber: Österr.Esperantistenverband. Verlag: "Tramondo". - Verantwortlicher Redakteur: Hugo Kraus, sämtliche W i e n XV., Fünfhausgasse Nummer 16
Druck:Offset Vervielfältigung,ADRESSEN-SUPPAN Wien IV., Brucknerstr.2, U 41-2-7o